# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 19/07/2014 Cent sepdek kvara eldono 19/07/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## Kontentigaj taskoj por pensiuloj



Se oni estas pli ol 60 jarojn aĝa kaj ne plu profesie laboras, tiam oni havas principe multe da libera tempo. Libera tempo ja ne estas malplena tempo, sed tempo pri kiu oni mem libere povas disponi. Oni povas doni la taskojn al si mem kaj oni povas mem decidi kiel rapide oni volas plenumi tiujn taskojn. Per tio la vivo povas ricevi novan sencon kaj oni povas esti utila al aliaj.

Tio validas unuavice por la propra familio. Oni povas helpi al siaj gefiloj en la konstruado de domo, en la ekipado de loĝejo, oni povas disponigi manĝojn por ili okaze de vizito kaj oni povas helpi aranĝi multajn aferojn. Se oni havas genepojn eblas eĉ transpreni la vartadon kaj prizorgadon de la infanoj, se la gepatroj petas pri tio. Kaj tiam genepoj povas esti granda fonto de ĝojo. Nun estante avo mi bone povas konfirmi tion.

Kutime la prizorgado de la familio estas pli ofte tasko de virinoj, dum viroj zorgas aŭ pri la teknikaj aferoj en la domo aŭ okupiĝas pri eksterfamiliaj aferoj. Tio povas ekzemple esti kunlaboro aŭ agado en kultura asocio ekz. en kantrondo. Tio estas por multaj homoj tre taŭga ebleco fari ion pozitivan kio levas la vivoĝojon kaj per kio oni povas pasigi la tempon kun saminteresuloj.

Sed oni povas ankaŭ esti kreiva kaj verki ion. Plej ofte temas pri spertoj el la propra vivo kaj ĝuste tiujn spertojn oni volas transdoni al la pli juna generacio. Oni povas eĉ volontule labori: Parenco mia kiu antaŭ jaro pensiuliĝis nun denove sed volontule laboras kiel bankoficisto dum kelkaj tagoj ĉiumonate. Temas pri speciala banko por homoj kiuj en neniu alia banko ricevus konton pro bankrotiĝo.

Por aktivaj esperantistoj malfermiĝas granda agadkampo. Ili povas okupiĝi pri la lingvo kaj ĝia disvastigo. Tio kompreneble hodiaŭ postulas regadon de la komputilo kaj scion pri la eblecoj de la interreto. Eble en mia aĝo hodiaŭ ne estas tre multaj spertuloj pri komputiloj, sed certe post 10 jaroj estos konsiderinde pli da homoj kiuj post pensiuliĝo scipovos lerte labori per la komputilo kaj aliaj modernaj teknikaj rimedoj. Pro tio estas des pli grave ke la malmultaj esperantistoj kiuj estas spertaj kaj rilate al la lingvo kaj rilate al la uzo de modernaj teknikaj rimedoj laboru kaj kunlaboru por kreskigi Esperanton.

Labori por Esperanto kune kun aliaj estas tre kontentiga afero kaj mi do povas varme rekomendi tion al ĉiu kiu havas la eblecon pri tio.




## Estas senpaga donaco

Propagandi per la fordono de la senpaga, 32 paĝa Ŝlosilo.

**Havebla ĉe Esperanto-Domo, Manly Esperanto-Klubo.**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

**Kiel eblas disvastigi la libreton ?**

**Donitaj ĉe la Sidneja Lingva Festivalo.**

**Mi sendis la libreton al la National Library of Australia, NSW State Library, NSW Parliament Library, University of Sydney Library, kaj donis al Manly Municipal Library, Warringah Mall library, 'Dezire' butiko de brokantaj libroj ĉe Manly. Vera donis du al la** Cambridge Library, Floreat WA, kaj vi ??

**Ĉu vi povas proponi pli bonan propagandilon aŭ ideojn ? Skribu al AE.**




# EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj



# Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp, kaj bonaj amikoj.

**Ni festos la Esperanto-tagon la 27an de julio (iom malfrue) Venu!** Esperanto-Tago alproksimiĝas !



## 28. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. La t.n. Participoj. B.



Por bone kompreni la Esperantajn Participojn, kiuj ja estas Adjektivoj, ne Verboj, ni komencu uzi ilin kiel Adjektivojn kun kaj antaŭ Substantivoj, ĉar tio ja estas la funkcio de Adjektivo. Kaj ĉiu el la ses Sufiksoj ja havas sian specialan signifon por indiki la staton de la Substantivo. La tempo de tiu stato ne indikiĝas en la Sufikso, nek en la flankelemento, la verba radiko, sed en la eventuala Verbo, aŭ Predikato, kiu kiel sian Subjekton difinas la Substantivon. Ekz. en "La manĝonta knabo nun hejmvenas" la tempo de la hejmveno de la knabo kaj la tempo de "manĝonta" estas la prezenco, la nuno. Do en la nuna tempo la Subjekto "knabo" estas en certa stato. Tiu stato estas, se la Adjektivo estas "manĝinta", ke la knabo satas, estas en sata stato, ĉar li antaŭe manĝis. Ne temas precipe pri la manĝado, sed precipe pri la rezulto, la plena stomako, la sato, la manĝinteco.

(sekvota) Marcel Leereveld.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress

## Lingva Festivalo de Sidnejo 2014
## la 5-an de Julio 2014.



Saluton al ĉiuj (**VIDU ANKAŬ AE173**)

Pasintsemajnfine okazis en Sidnejo la longe preparita Lingva Festivalo de Sidnejo. Mi simple volas nome de la Lingva Festivala Asocio danki al ĉiuj, kiuj partoprenis kaj plibonigis la eventon. Mi kredas, ke ĝi estis granda sukceso. Esperanto estis menciita tiom multe, ke mi dubas ĉu iu ajn el la partoprenintoj ankoraŭ ne prikonas la lingvon.

Do dankon al ĉiuj! Richard







La Sidneja Lingva Festivalo 2014 havis kelkajn interesajn trajtojn.
Unuafoje (kaj sufiĉe sukcese) ni uzis por la festivalo lokan komunan centron. Certe, la universitato kiel loko por festivalo aspektas pli respektinde. Tamen Redfern Komuna Centro donis al ni eblecon fakte fari kion ni planis: la lingvan feston.
Tre bona afero ke kelkaj estimataj lingvaj institucioj (Geothe-Institut, Korean Cultural Office, Japan Foundation) kaj amaskomunikiloj (SBS Radio, The Sydney Morning Herald) subtenis kaj partoprenis SLF2014.
Kaj pli grave por ni ke La Esperanto-TV filmis preskaŭ 9 horojn de videomaterialo dum la festivalo. Baldaŭ ni povos rigardi la rezulton. Sendis Dmitry

# Esperanto-reklamo 2100 foje en hungaraj radioj.

En februaro ni jam raportis pri nia eksperimenta radiokampanjo, tiam ni mendis pagitan radioreklamon por Esperanto, kiu sonis dum 2 semajnoj 1002-foje en 26 radiostacioj.




Pro la sukceso de tiu eksperimento, ni nun ne nur simple ripetas la radioreklaman kampanjon - sed duobligas ĝin:
Dum 4-semajnoj, ekde 30-a de junio ĝis la Esperanto-tago, t.e. 26-a de julio aŭdeblos 11-sekunda Esperanto-radioreklamo 2100 foje en 33 hungariaj lokaj radiostacioj:
La reklamo pri Esperanto estas aŭskultebla ĉe:
http://www.eszperanto.hu/zip/radioreklam-26radio-10mp.mp3
Traduko de la reklama teksto estas la sekva:
"Por havi lingvoekzamenon, aŭ por via universitata akcepta ekzameno plej rapide oni povas lerni la lingvon Esperanto. Elprovu la interretan kurson! -- www.esperanto.hu -- esperanto.hu!"
Laŭ nia scio tiom ampleksa radia reklamkampanjo por Esperanto ankoraŭ ne okazis en Hungario, kaj ankaŭ ne en internacia Esperantujo.
La reklampanjon prizorgis Lingvo-Studio, L.S. kaj Fondaĵo Eszperantó.

Amike, Szilvási László **Lingvo-Studio, L.S.** **www.eventoj.hu**

# Lavango de lernantoj en Hungario

En la jaro 2000 – danke al Princz Oszkár kaj Smidéliusz Katalin – oni registris ankaŭ Esperanton, kaj studentoj komencis malkovri por si la avantaĝon de rapida lerneblo de la lingvo - pli ĝuste la rapidan plenumeblon de la diploma kondiĉo.
Ĉiujare pli kaj pli da studentoj aliĝis al la Esperantaj kursoj. Jen sube la konkretaj ciferoj pri la **kvanto de aliĝintoj** al la ekzameno kaj **kvanto de sukcesintoj** (sukceskvociento: 42 %).

| **Jaro** | 2000 | 2001 | 2002 | 2003 | 2004 | 2005 | 2006 | 2007 | 2008 | 2009 | 2010 | | sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **Ekzamenoj entute** | 474 | 2013 | 3785 | 3132 | 2422 | 2985 | 4089 | 6163 | 5596 | 5586 | 5422 | | 41.667 |
| **Sukcesintaj personoj** | 199 | 845 | 1590 | 1315 | 1017 | 1254 | 1717 | 2588 | 2350 | 2346 | 2277 | | 17.498 |




# Informoj el Adelajdo



- Unua informo

La 20-an de junio Sandor Horvath sukcesis organizi grandiozan lingvan festivalon en sia laborloko: Thebarton Senior College. Esperanton prezentis unu el liaj studentinoj - hispanino Antonia.

- Dua informo:

Sandor Horvath estis intervjuita de Katalin Kiss, redaktorino de la hungarlingva elsendo de Radio SBS en Sidnejo.

- Tria informo:

La lastan kluban kunvenon de adelajdanoj partoprenis 9 homoj, inter ili unu nova interesiĝanto pri nia lingvo. La ĉefpreleganto de la vespero estis Amato. La temo estis ŝia hobio: kurado. Amike, Katja

# Bonaj AE 173 novaĵoj



Karaj, AE 173 estis plena je bona novaĵo por ni "Ozaj" Esperantistoj; gratulojn al ĉiuj kiuj tiom multe laboris - kaj sukcesis!
Se iu leganto de ĉi tiu novaĵletero povas iel helpi la nepalajn gejunulojn kiuj studas Esperanton (AE 173), aŭ per instruado, aŭ per vizito, aŭ simple per e-kuraĝigletero, mi petas, ke vi kontaktu Mian Salam Shany kiom eble plej rapide, ĉar mi promesis disvastigi inter niaj samideanoj la indan paŝon kiun en tiu lando la instruistoj kaj la studantoj jam faris.
Elkorajn antaŭdankojn
Vera Payne

# La strato ekster ESPERANTO-DOMO Sidnejo




# Ignite Sydney



(http://www.ignitesydney.com)
La evento kiu enhavis Esperanton,
okazis la 16-an de Julio 2016

## Plenplena ĉambro. Jen mia filmeto

http://youtu.be/Pug0PiXqIj8 Amike, Nicole











**La Arĥiva ĉambro en Esperanto Domo**

# La Melburna Esperanto-Klubo



kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



"Ni anoncas kun multaj gratuloj ke Joanne Johns gajnis la premion por la IJK emblemkonkurso. Ŝi ricevos rabaton por la venonta IJK kongreso. Ŝi estas tre lerta dezajnisto kiu dezajnis la broŝuron por la venonta AEA kongreso kaj nian novan retpaĝon (Melburna Esperanto Societo).

Ŝi ankaŭ helpis prepari la nunan ESK kaj aliajn aferojn por la melburna klubo. Ni estas tre bonŝancaj ke nuntempe ni havas tre lertan kaj laboreman grupon en Melburno!"
Heather Heldzingen (Nun vojaĝanta en Grekujo)



Karaj,

Mi finlegis la aŭtobiografion de Trevor Steele
kaj multon lernis pri lia vivo.
Ĉu ankaŭ vi legis ĝin?

Amike, Nicole




# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Pasinta kunveno 10/7/14?



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
19 Julio 2014 Venis Roger Springer, Christine Holliss
John Casey, Ian Wylles, Eunice Graham kaj
Steven Garamy Bona Esperanto-kunveno, malvarma tago.

## Vortoj de "Lernu"

AKOMODI
Alĝustigi, adapti ion, por ke ĝi povu taŭge funkcii:
Mi bezonas multe da mono por akomodi la domon.
Li devos sin akomodi al ĉiuj situacioj.
La homaj okuloj rapide akomodiĝas al diversaj distancoj.
Min mirigas via povo de akomodo al situacioj.